## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio. ORF, Poŝtfako 700, A-1041 WIEN Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ.B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614 RIGA-14, ul. Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

Ĝenerala sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul.Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

Membro de la estraro - Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.



Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIA, kv.Borovo, bl.219, vĥ.B, Bulgario; tel.56-58-77

Redaktoroj: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

Teknika aranĝo: Veneta Baleva, Evgeni Georgiev

Administranto: Verka Ŝtajner


ENHAVO DE N-RO 1 - 1985



---

Sur la unua kovrilpaĝo: Internacia Instituto pri Ĵurnalismo "Georgi Dimitrov" - urbo Bankja (Bulgario) Foto: L. Milkova

"IĴ" petas siajn legantojn sendi al la redakcio proponojn pri ŝanĝoj kaj plibonigoj de la projekto-statuto de TEĴA, publikigita en n-ro 4/1984 de nia gazeto.

## ALVOKO OKAZE DE LA 70-A UK EN AŬGSBURGO

Estimataj gekolegoj!

En tempoj, kiel la nuna, estas speciale grave, ke ĉiuj fortoj en la tuta mondo kune agadu por la bono de la minacata homaro. TEĴA nun havas kelkajn eblecojn por plibonigi kaj plifortigi la situacion. Estas devo por ni ĉiuj profiti tiujn eblecojn, gardi la pacon, uzi ĉiujn laŭleĝajn eblecojn por malhelpi ekeston kaj disvastigon de milito. La publika opinio estas granda potenco. En kelkaj ŝtatoj aŭ regionoj niaj ĵurnalistaj gekolegoj vivas en granda danĝero. Ni do helpu al ili internaciskale. Necesas interŝanĝi kaj spertojn, kaj materialojn. Se ni ĉiuj faros tion, ni povos atendi ne nur bonan efikon por la tuta ĵurnalismo, sed ankaŭ grandan instigon por la disvastigo de Esperanto en la tuta mondo.



W. Haberl parolas

La endanĝerigita homaro povas nur pluekzisti, se en ĉiuj landoj la internaciaj rilatoj estas bazitaj sur reciproka estimo kaj amo al la kunhomo.

Elkore ni deziru al ni agrablan, sukcesplenan fak-kunsidon de TEĴA okaze de la ĉi-jara Universala Kongreso en Aŭgsburgo kaj ĝojigan, fruktodonan kunlaboron dum la estonta agadperiodo.

Via Walter Haberl,
prezidanto de TEĴA

---

Gekolegoj! La estraro de TEĴA kaj la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" petas la membrojn de nia Asocio, kiuj intencas partopreni la 70-an Universalan Kongreson de Esperanto en Aŭgsburgo(FR Germanio), per poŝtkarto informi la ĉefredaktoron de "IĴ" pri siaj proponoj por tagordo de la faka jarkunveno de TEĴA kaj ĉu iu el ili pretas raporti pri iu ajn temo.

La redakcio de "IĴ"



MODELO DE SCIAMO KAJ KURAĜA PUBLICISTIKO

Naskita la 24-an de januaro 1905 Trifon Ĥristovski vivis neplenajn 40 jarojn kaj forpasis la 17-an de majo 1944, nur kelkajn monatojn antaŭ la alveno de la sopirata de li Libero, por kiu li oferis siajn vivon kaj fortojn.

Jen kion skribas Ĥristovski mem en sia lasta libro "Mia vivo", kies 5-a eldono ĵus aperis:

"Mi vivis la vivon de ordinara soldato en la batalo por pli bona vivo de la laboruloj el la popolo, kiuj estis mia propra medio. Sed en tiu vivo estas io neordinara pro la peza malfeliĉo, kiu jam en la infanaĝo metis min en ekskluzivan situacion. Kaj eble en ĉi vivo estas io instrua: en tre malfacilaj kondiĉoj mi batalis por klerigo, kulturo, por memklerigi".

Fakte, jam en la frua infanaĝo la juna malriĉa vilaĝano havis paralizitajn dekstran manon kaj kruron, ne povis iri eĉ per la helpo de lambastono kaj viziti lernejon, kaj malgraŭ ĉio Ĥristovski memkleriĝis, estiĝis vera homo, klera personeco kaj publicisto - ĉu tio ne estas heroaĵo?

Li estis disvastiganto de progresemaj gazetoj, revuoj kaj libroj, aŭtodidakte ellernis Esperanton, verkis kaj publikigis artikolojn kaj korespondaĵojn en naciaj laboristaj E-eldonaĵoj en Bulgario, kaj eksterlande aperigis artikolojn pri la malbona stato de la bulgara popolo. Ĥristovski verkis akrajn publicistajn librojn kaj broŝurojn. Per prunteprenita mono li sukcesis eldoni la broŝurojn: "La morto de Ĥristo Botev" kaj "Problemoj de la vilaĝo", en kiuj li traktis tre aktualajn

demandojn de soci-ekonomia karaktero. Laŭ leteroj kaj aliaj materialoj per kiuj lin provizis liaj amikoj-esperantistoj el Ĉinio, Ĥristovski verkis la libron "La milito en la Malproksima Oriento", sed la faŝisma cenzuro malpermesis ties aperigon, malpermesis ankaŭ aliajn liajn verkojn.

Plej interesa por la legantoj estas la libro "Mia vivo",kiun li verkis en konkuro kun la morto - li forpais nur du semajnojn post ĝia finverko. Ĝi rakontas pri lia martira vivo, pri la idea elkresko kaj soci-utila agado de Ĥristovski. La libro estas vera enciklopedio pri la kamparana vivo dum la militaj jaroj, pri la senrajteco kaj prirabado de la kamparanoj fare de reakciaj registaroj kaj kortego. Ĉio ĉi estas rekreita per plumo de publicisto, kiu de proksime konas la kompatindan vivon de la laboruloj, de la malriĉaj kamparanoj, en kies medio li mem vivis.

Trifon Ĥristovski mortis kun okuloj malfermitaj al la nova vivo, sed lia faro estas viva kaj senmorta.

NIKOLA ALEKSIEV

/El lia parolado en la solenaĵo omaĝe al la 80-jariĝo de Trifon Ĥristovski/

## ĴURNALISTA KONFERENCO PRI ĤRISTOVSKI

La 22-an de januaro 1985 en Sofio, en la Ĵurnalista domo okazis gazetara konferenco omaĝe al la 80-jara datreveno depost la naskiĝo de la fama publicisto, sociaganto kaj aktiva esperantisto Trifon Ĥristovski La konferencon gvidis Veselin Josifov, prezidanto de Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj. Pri la vivo kaj agado de Ĥristovski parolis Nikola Aleksiev, Ivan Keremidĉiev kaj aliaj liaj amikoj.

Pri Tr. Ĥristovski aperis artikoloj, rememoroj kaj informoj en "Bulgara Esperantisto", en ĵ."Botevgradski plamâk" - urbo Botevgrad, kaj en la sofia gazetaro.

## SOLENAĴO OMAĜE AL TRIFON ĤRISTOVSKI

La 24-an de januaro 1985 en urbo Botevgrad okazis solena kunveno omaĝe al la 80-jara datreveno de la kuraĝa antifaŝisto, publicisto kaj esperantisto Trifon Ĥristovski. Ĉeestis Stojan Miĥajlov, sekretario de Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio, Nikola Aleksiev, Heroo de Socialisma Laboro, Merita Aganto de la Kulturo kaj veterano-esperantisto, Dimitâr kaj Cveta Ĥristovski, gvidantoj de urbo Botevgrad, ĵurnalistoj kaj multaj civitanoj.

Raporton pri la vivo kaj agado de Tr. Ĥristovski faris Nikola Aleksiev, kiu emfazis ankaŭ lian signifon por edukado de la juna generacio.

Nano Kjuĉukov, vicprezidanto de Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio kaj iama leteramiko de Ĥristovski, enmanigis E-standardon al E-societo "Trifon Ĥristovski"en Botevgrad. Li bondeziris al la lokaj esperantistoj per siaj vortoj kaj agoj esti fidelaj al la societa patrono.

Fine de la solenaĵo oni spektis la novan dokumentan televidfilmon pri Ĥristovski.



Parto de la ĉeestantoj en la solena kunveno     Foto: L. Milkova

## MAJESTECO DE HOMA SPIRITO

(Dokumenta televida filmo pri Tr. Ĥristovski)

La libro "Mia vivo" de Trifon Ĥristovski famigis la nomon de tiu eksterordinara homo ne nur en Bulgario, sed ankaŭ en multaj aliaj landoj dank' al ĝia Esperanto-eldono. Pri la personeco kaj vivo de Ĥristovski ekinteresiĝis bulgaraj filmistoj. En la tago de solena celebrado de lia 80-jara datreveno - la 24-a de januaro 1985, okazinta en Botevgrad, por unua fojo estis projekciita la dokumenta kolora filmo "Trifon Ĥristovski". Post kelkaj tagoj ĝin elsendis ankaŭ la Bulgara Televido.

Scenaristo Valentina Genkova kaj reĝisoro Vladimir Sorokin faris grandan anticipan esplorlaboron, trastudante milojn da dokumentaj materialoj - leteroj, publikaĵoj, fotoj.

Sur la ekrano aperas gazetoj, ĵurnaloj, libroj, leteroj, centoj da fotoj, kiuj atestas pri la granda obstina laboro de la kaduka junulo por memklerigo; montras lian ampleksan korespondadon kun amikoj el Bulgario kaj el multaj fremdaj landoj - bulgarlingve kaj Esperante, dank'al kiuj li verkas siajn artikolojn por bulgaraj kaj eksterlandaj periodaĵoj.

Antaŭ ni ekstaras talenta publicisto kun majstre brila stilo, klera ekonomiisto, literatura kritikisto kaj verkisto, verva sociaganto. Sur la ekrano aperas kaj parolas la malnovaj amikoj de Ĥristovski: prof. J. Jotov, N. Aleksiev, Iv. Keremidĉiev, Dimitâr Ĥristovski (frato de Trifon); oni aŭskultas ankaŭ la rememorojn de amikoj kaj korespondantoj el Francio, Britio, Pollando, kiuj kompletigas la bildon de tiu memkleriĝinta giganto de la homa spirito.

Estas ĝojiga ankaŭ la fakto, ke bulgaraj filmistoj montras viglan interesiĝon pri la E-movado enlande kaj tutmonde.

TENEBRO ĈIRKAŬ KOMENIO

La libroj kaj la verkoj ofte havis kaj havas kuriozan sorton kaj tiu sorto trafas ilin ne unu fojon eksterordinare longe. Ekzemple, la mondo nur ĝis antaŭnelonge nenion sciis pri la planlingvaj ideoj de la tutmonde konata J.A.Komenio, patro de la moderna pedagogio. Kaj ĝis nun oni apenaŭ scias, kiamaniere li imagis tian lingvon. Pli nekutime estas, ke ankaŭ la esperantistaro ĝis hodiaŭ ne estas informita pri la efektiva kontribuo de unu el la plej renomaj protagonistoj de la internacilingva ideo.

Tiu ĉi neinformiteco certagrade speguliĝas en iuj eldonaĵoj en la lastaj jaroj. Ekzemple, en la libro "La internacia lingvo - sciencaj aspektoj", artikolo "Problemoj de la movadhistoriaj esploroj", pĝ. 18, plue analoge en la "Hungara Vivo", n-ro 1, 1982 kaj en aliaj periodaĵoj oni konstatas, ke Komenio profetis la komunan lingvon de la homaro kaj en sia verko "Via lucis" (Vojo de la lumo) skizis ties plej gravajn trajtojn. Tiuj ĉi kaj aliaj similaj interpretoj estas bazitaj plej verŝajne sur la artikolo en la revuo "Esperanto" (majo 1971), kiu omaĝas la 300-jaran morto-jubileon de Komenio kaj kiu abunde referencas kaj citas sole el la menciita "Via lucis". Tamen tiu ĉi libro estas nur la unua ĉenero en la tiutema verkaro de Komenio.

Eble plej aŭtenta kontribuo de la ĉeĥa pensulo tiurilate estas lia propra projekto de planlingvo. Tiun kontribuon traktas Esperante - "Komenio kaj la Internacia Lingvo", la aŭtoro de tiuj ĉi linioj, kiun eldonis Ĉeĥa Esperanto-Asocio kune kun la praga eldonejo "Orbis" en 1974.

Ni provu koncize resumi kelkajn faktojn, kiuj koncernas tiun ĉi problemon ĝenerale kaj la projekton mem speciale.

Diference de multaj aliaj kleruloj Komenio opiniis, ke la egalrajteco en lingvaj kontaktoj estas konsista parto de la ĝenerala klereco, kion rivelas ankaŭ lia ampleksa sepvoluma verko "Ĝenerala konsultado pri la rebonigo de la homaj aferoj". La kvina parto de tiu ĉi monumenta serio titolita "Panglotti" (Universala lingvo) entenas suplementon "Provo pri la nova harmo-

nia lingvo". La komunan lingvon de la homaro konsideras en unu ĉapitro ankaŭ "Panorthosia"(Universala reformo), la sesa volumo de la "Ĝenerala konsultado".

Komenio plurfoje skribis, ke neniu nacia lingvo konvenas por la rolo de la internacia komunikilo, tamen - li asertas - indas krei tian komunikilon surbaze de la lingvoj ekzistantaj.Li mem entreprenis tiun taskon, elektante la latinan, en kiu li cetere verkis.

Kelkaj karakterizoj de la nova lingvo laŭ Komenio: unueca konjugacio de la verboj, unuecaj finaĵoj de la substantivoj kaj pronomoj. Plurcent vortradikoj ebligu derivadon de senfina nombro de novaj nocioj (ekz. lus-lumo, alus-mallumo). Ĉiu vorto havu nur unu signifon. La nova lingvo devas esti riĉa, ekzakta kaj facila...

La geniajn sugestojn de Komenio longatempe vualis tenebro - nome la manuskripto de la "Panglotio" perdiĝis kaj estis retrovita antaŭ la Dua Mondmilito en Halle. Sekve nur en la postmilitaj jaroj oni povis ekscii sporade pri ĝi.

Aliflanke, "Via lucis" - kvankam verkita jam en 1642 en Anglio, sed eldonita post pli ol kvaronjarcento en Rotterdam - povis integriĝi multe pli frue al la testamento de la granda filozofo.

OLDŘICH KNÍCHAL

---

"ANGULO DE BONA ESPERO"

Unuafoje Pola Televido la 6-an de novembro 1984 elsendis filmon en Esperanto, titolitan "Angulo de Bona Espero". Temas pri verko de la televida raportisto Roman Dobrzynski, filmita en la bieno-lernejo "Bona Espero" en Brazilo, dum profesia vojaĝo tra sudamerikaj landoj.

La filmo ricevis la plej altan noton de la juĝkomisiono de Pola Televido, kiu jam sendis ĝin al la filmfestivalo de Sevilla (Hispanio).Ĉijare ĝi estos sendita ankaŭ al la festivalo de Leipzig (GDR).

## INTERNACIA INSTITUTO PRI ĴURNALISMO "GEORGI DIMITROV"

Fondita laŭ iniciato de Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj, Internacia Instituto pri Ĵurnalismo "Georgi Dimitrov" en urbo Bankja (apud Sofio) depost 1978 akceptas ankaŭ ĵurnalistojn el la evolulandoj. La celoj, taskoj, strukturo kaj organizo de la studlaboro estas difinitaj en ties statuto, en spirito de la principoj de UN, Unesko, Internacia Ĵurnalista Organizaĵo kaj ĝia Sociala Komisiono.

En la Instituto sian profesian kvalifikon plialtigas ĵurnalistoj el evolulandoj en la sfero de agrikulturo, nutrado, loĝantaraj problemoj kaj kontraŭbatalo de la malsato.

La Internacia Instituto pri Ĵurnalismo "Georgi Dimitrov" funkcias senprofite, en intima kunlaboro kun Fakultato pri Ĵurnalismo ĉe la Sofia Universitato, kun Akademio de Agrikulturaj Sciencoj, kun vico de agrikulturaj institutoj, redakcioj de bulgaraj periodaĵoj, radio kaj televido, utiligante elstarajn fakulojn kiel instruantojn.

Rilate al la aplikataj metodoj de ĵurnalista kvalifiko valoras mencii la lekciojn kaj ekzercojn pri sociaj sciencoj, teorio kaj praktiko de ĵurnalismo, direktitajn ĉefe al demandoj de la agrara ĵurnalismo. La praktikaj ekzercoj okazas sur la koncernaj lokoj, celante ligi la teorion kun la praktiko.

Dum la lastaj jaroj en la Instituto oni organizas instruadon, inkluzivantan du aŭ tri kursojn en la lando de la instruataj ĵurnalistoj, en Bulgario aŭ, laŭ interkonsento, en tria lando. Tiajn kursojn oni jam organizis en Ĉeĥoslovakio kaj Sovet-Unio.

De 1978 ĝis 1983 en IIĴ "Georgi Dimitrov" kvalifikon akiris ĵurnalistoj el Angolo, Mozambikio, Niĝerio, Popol-Demokrata Respubliko Jemeno, Etiopio kaj Laoso.

Profesia helpo kaj solidareco - tia estas la tasko de la bulgaraj fakuloj-instruantoj el la Instituto pri Ĵurnalismo.

Liljana Ganĉeva

Esperantigis: V. Baleva

## "PRESAGENTEJO", "NOVAĴAGENTEJO" AŬ "INFORMAGENTEJO?

Tiu ĉi demando estis levita fare de konata esperantisto,kiu, kiel profesia radioĵurnalisto, daŭre okupiĝas pri la speco de aktualaj informoj troveblaj en ĵurnaloj kaj gazetoj, kaj ankaŭ en aliaj komunikiloj kiel filmoj, radiofonio kaj televizio.Kiu jam legis mian artikolon titolitan "Preskonferenco - barbarismo en Esperanto"("Nitra Informilo", 1983, n-ro 6, decembro,pĝ. 3 - 5) scias, ke la uzo de la radiko "pres-" kun la signifo"gazeto", "informo", "novaĵo ks. estas erara. Jen resumo de mia klarigo.

Laŭ Plena Ilustrita Vortaro (PIV, 1970) "preso" signifas "ago de tiu, kiu presas". "Presi" en la sama vortaro estas difinita jene: "reprodukti per gravuritaj tabuloj aŭ metalaj literoj, ŝmiritaj per inko". PIV informas ankaŭ, ke "agentejo"estas oficejo, regata de unu aŭ pluraj agentoj, "personoj, komisiitaj de iu, por konstante fari ion". Ĉu, do, presagentejo estas oficejo, kies dungitoj konstante presas? Tute ne! La funkcio de la koncerna agentejo estas kolekti kaj distribui al diversaj komunikiloj informojn pri lokaj kaj internaciaj eventoj. Inter la famaj entreprenoj, plenumantaj tiun servon estas Associated Press (Usono), Reuter (Britio) kaj TASS (Sovetio).

Por decidi, kiel plej trafe nomi tiajn organizaĵojn en Esperanto, ni unue ekzamenu la vortojn jam registritajn en kelkaj Esperantaj vortaroj.

1. presagentejo. Tiu ĉi termino estas registrita kiel ekvivalento de la hungara hirügynökség en la unua eldono de la Hungara Esperanta Vortaro (1958) kompilita de Alfonso Pechan. Ĝi aperas ankaŭ en la samaŭtora Esperanta-Hungara Turista Vortaro (1968).

2. informservo. Hans Wingen en sia Wörter der Gegenwart - Deutsch-Esperanto (1962) tiel tradukas Nachrichtendienst. Rimarku, ke en GDR ekzistas entrepreno nomata Allgemeiner Deutscher Nachrichtendienst.

3. novaĵagentejo. En la nederlanda-Esperanta vortaro de A. J. Middelkoop (1971) la nederlanda vorto nieuwsagentschap havas kiel Esperantan ekvivalenton "novaĵagentejo", kiu estas laŭvorta traduko. La sama Esperanta termino estas registrita apud la sveda nyhetsbyrå fare de Ebbe Vilborg en sia Supplement till Svensk-Esperantisk Ordbok (1975). Ankaŭ la lastatempe eldonita Wörterbuch Deutsch-Esperanto (1983) de Erich-Dieter Krause per "novaĵ-agentejo" tradukas Nachrichtenagentur.

En artikoleto pri ĉinaj gazetoj, aperinta en Heroldo de Esperanto (1983, n-ro 1723, pg. 1), estas uzataj la esprimoj "ĵurnalisto de la ĉina novaĵ-agentejo en Budapeŝto" kaj "la sama novaĵ-agentejo (Xinhua)".

4. inform-agentejo. Seriozan konsideron meritas la propono de Stefan Maul, profesia ĵurnalisto kaj redaktoro de Monato. En Manlibro pri Ĵurnalismo (1982), kiun li kunaŭtoris kun Judith Junger, la termino "inform-agentejo" estas uzata, kaj sur pĝ. 69 troviĝas la sekva precize formulita difino: "oficejo, kiu helpe de agentoj (korespondantoj) kolektas, prilaboras kaj distribuas (vendas) informojn. Ekzistas ŝtataj (oficialaj) inform-agentejoj, precipe en socialismaj landoj, fakaj (ekonomiaj, kulturaj) kaj privataj inform-agentejoj. Kutime al inform-agentejo estas ligita ankaŭ foto-agentejo. Oni evitu la esprimon "novaĵ"-agentejo, ĉar novaĵo estas io ajn nova produktaĵo".

Mi trovas, ke s-ro Maul tro mallarĝe difinas "novaĵo". Ĝi ja estas io ajn nova, sed PIV difinas ĝin ankaŭ kiel (1) "io ĵus okazinta", (2) "io freŝe sciigita", (3) "io unuafoje aperanta". Mi, do, akceptas "inform-agentejo", sed ne rifuzas "novaĵ-agentejo" kiel alternativan terminon, t.e. kiel sinonimon. Kontraŭe, "pres-agentejo", sen ombro da dubo estas malakceptenda. La misuzo de "pres-" en Esperanto estas rezulto de etnolingva influo.

BERNARD GOLDEN



## INTERNACIA FESTIVALO DE ILEF-ANOJ

Laŭ iniciato de ILEF - Sekcio de kino-foto-amatoroj ĉe Bulgara Esperantista Asocio de la 6-a ĝis la 12-a de oktobro 1985 en la Internacia Esperanto-Kursejo, en Pisanica (Bulgario), okazos Unua Internacia Festivalo de ILEF-anoj titolita "Bela Rodopimontaro". En la Festivalo povas partopreni ĉiu esperantisto, kiu okupiĝas pri fotado, filmado kaj magnetofona registrado.

Estos organizita ekspozicio de amatoraj fotoj, okazos projekciado de lumbildoj kaj filmoj (8 kaj 16 mm - koloraj kaj nigra-blankaj). La plej interesaj (laŭteme kaj laŭkvalite) verkoj estos konkurse premiitaj. Preferinde estas, ke la formato de foto-konkursaĵoj estu 30/40 cm au 24/30 cm - koloraj kaj nigra-blankaj.

La premiitaj fotoj estos publikigitaj en la periodaĵoj "Bulgara Esperantisto", "Internacia Ĵurnalisto" kaj aliaj.

En la tagoj de la Festivalo okazos konciza kvalifika kurso pri fotado kaj filmado; ekskursoj al naturfenomenoj - intermonto de Trigrad kaj kaverno "Diabla Gorĝo", al la ripozloko Pamporovo, montopinto "Sneĵanka" kaj vizito al televid-turo, al mezepoka kastelo "Aguŝev konak"; vizito al urbo Smoljan kaj tiea Planedario, renkonto kun gekolegoj el Esperanta Kino-foto- klubo "Eŭridica" - Smoljan.

La Internacia Esperanto-Kursejo disponigos al la partoprenantoj ĉiujn komfortaĵojn kaj bongustajn tipajn rodopajn manĝaĵojn.

Por pliaj informoj skribu al Internacia Esperanto- Kursejo, p.k. 791, BG-1090 SOFIA, Bulgario.

---

La estraro de TEĴA kaj la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" tutkore dankas al ĉiuj TEĴA- kaj IFEF-anoj, kiuj salutis ilin okaze de la Novjara festo.

POEZIO

EDUARD SVETIN,
SOVET-UNIO

F O R G E S I S

Ne konscience, certe, sed pro tim'
Heroldoj koruptitaj el "Libero"
Akuzojn al Rusi' pri pek' kaj krim'
Kriaĉas militire en kapero.

Ilia kvazaŭ viv' en soft' kaj glat'
Preteras mondajn plagojn senomene.
Kaj kvazaŭ Oslo, Vien', Pariz' pri ŝtat'
Forgesis en kvardekaj jaroj, plene.

Homfornojn, sangon, savon el ruin'
Kaj sapon el murditoj jam forgesis.
Pri io akuzadas ree nin...
Ne estis kvazaŭ ĉio, kio estis.

Fortiĝis hasto de teruraj dat',
Ke implikiĝu antaŭ eŭropano,
De kie marŝis tra la ter' soldat,
De kie marŝis tra la ter' tirano.

Pro tiomjara viv' sen vund', en san',
Eŭropo, preĝu, je sanktulo kvazaŭ,
Je homo kun la simpla nom' "Ivan"
Kaj vorto lia hodiaŭa baza.

Esperantigis: N. DANOVSKIJ

## LA PASINTA KAJ NUNA STATO DE NIKARAGVA GAZETARO

Sub la diktaturo de Somoza Nikaragvo disponis pri la jenaj ĉiutagaj gazetoj: "La Prensa", "Novedades", "La Noticia", "La Prensa Grafica", "El Centro amerikano" kaj "La Universidad". Inter ili "La Prensa" aperis en eldonkvanto de 32 000, kaj "Novedados" - 20 000 ekz.

La ĉiutaga gazeto "Novedados" estis ĉefa apogo de la somozista propagando kaj organo de la reganta naci-liberala partio. En verko titolita "Mekanismo de la tradicia gazetaro", havanta antaŭvide la tiel nomatan "flavan" gazetaron, la elstara latinamerika publicisto Gregorio Selser karakterizas tiel "Novedados", kiel ankaŭ aliajn apogojn de oligarkiaj diktaturoj, ligitaj kun la imperiisma tendaro: "...ili prezentas miksaĵojn el mallertaj sensacioj, el novaĵoj deŝiritaj el ilia kunteksto, el novaĵoj fakte gravaj, sed intence misprezentitaj".

La somozista "Novedados" ne supervivis eĉ je unu tago sian patron". Ĝi ĉesis aperi en la tago de la venko de l'revolucio en julio 1979.

Inter la gazetoj , menciitaj komence de la artikolo, restis nur unu. Tiu escepto rilatas al "La Prensa", kies sorto (kiel ankaŭ la sorto de ties ĉefredaktoro Pedro Joaquin Chamorro, gvidanto de la opozicio kaj de la partio Nacia Konservativema Aktiveco, povus esti objekto de tre interesa studo.

Pedro Chamorro estis mortigita en januaro 1978. Lia gazeto "La Prensa" famiĝis kiel "gazeto de la opozicio". Per ĝi Chamoro atakis malrekte la regantan klikon pro ties kontraŭleĝa negoco per homa sango. Chamorro ne estis popola tribunuso, sed esprimanto de la interesoj de aferecaj medioj, malkontentaj pro tio, ke la familio Somoza estis prirabinta la pli grandan parton de enspezoj de la nacia ekonomio. Ĝis tiu momento Somoza estis mortiginta nur popolajn tribunusojn. Ĉi-foje li mortigis

liberalon (ne en senco de aparteneco al partio, sed kiel politika karakterizaĵo).

Por iuj popoltavoloj Pedro Chamorro prezentis simbolon de rezistado kontraŭ Somoza kaj per sia morto li objektive elludis gravan rolon en la proceso de unuigo de la fortoj de Rezistado. Tial Pedro Chamorro estis estimata de la Fronto Sandinista por Liberigo Nacia (FSLN). Laŭ la vortoj de Tomas Borge, gvidanto de FSLN kaj ministro de la internaj aferoj, "La Prensa" posedis grandan forton, sed ankaŭ sufiĉe da malperfektaĵoj. Ĝi pritaksis la vojon irendan al ebla venko diference de nia starpunkto".

Post la venko de la sandinista revolucio "La Prensa" restis organo de opozicio kontraŭ la progresemaj iniciatoj de Sandinista Fronto. Komence "La Prensa" estis sufiĉe modera kontraŭulo. La eldonantoj de "La Prensa" decidis en aprilo 1980 transiri al aktiva opozicio kontraŭ la Sandinista Fronto. Tamen la filo de Pedro Chamorro, Javier Chamorro, ne konsentis pri tio. Rezulte de konflikto naskiĝis nova gazeto "El Nuove Diario", gvidata de Javier, kiu altiris 90 procentojn de la personaro de "La Prensa".

La sandinista gazetaro havas tute malsamajn radikojn. Kelkaj linioj el la ĉefartikolo de numero unua de la junulara kvaronjara revuo "El Brigadista" de marto 1980 prezentas bildon de ties apero kaj evoluo.

"Dum la epoko de heroeca batalo kontraŭ la diktaturo, nia sandinista avangardo kalkulis pri la objektiva neceso informadi la laboristojn, orientigi ilin sur ideologia kaj politika plano. Se nia avangardo ne estus farinta tion, ĝi ne estus taŭga gvidanto de la sandinista popola revolucio". Kaj do, ni fariĝas atestantoj de naskiĝo de gazetoj por studado de la sperto de l'proletaro, studentaj sekretaj gazetoj, organoj de la avangardo kaj de la Popola Sandinista Armeo, kiu hardiĝis en ĉiutaga batalado. El tio elkreskis la moderna sandinista gazetaro: oficiala organo de Fronto Sandinista por Liberigo Nacia "Barricada" kaj gazetoj kiel "Patria Libre", apartenanta al Ministerio de l'internaj aferoj, "El Trabajador", organo de la sandi-

nista Sindikata Centro, "El Machete", organo de Unuiĝo de Kamparlaboristoj, "Poder Sandinista" - eldonata de Sekretariato por propagando kaj politika edukado ĉe FSLN.

La unua numero de "Barricada", organo de la Fronto Sandinista por Liberigo Nacia, aperis la 25-an de julio 1979, ses tagojn post la venko de l'revolucio. Ĝi prezentiĝis per ĉefartikolo, en kiu staris la jeno:

"Ni vekiĝas en tiu sesa tago post la plena kaj definitiva neniigo de la tragike famiĝinta gvardio de Somoza, tago markinta la fiaskon de l'diktaturo, sub kiu nia popolo putris pli ol kvardek jarojn... Nia elirpunkto estas ne la nulo, sed multe pli malalte ol la nulo. Nur konscio pri la fakto, ke ĉiu el ni estas bezonata kaj komprenas tion, helpos al ni eliri el la katastrofo... Ni devas avanci rapide, sed kun takto. Ni devas fari diferencon inter la fundamentaj kaj duarangaj celdifinoj, sen erariĝi laŭ ties ekstera aspekto. La batalo ne finiĝis. Jen kial ni konstruas hodiaŭ kune kun nia popolo, kun nia milico, tiun ĉi novan "Barricada". Ĝi estas barikado de ni ĉiuj, defendanta la liberan Patrion, barikado, kiu transformiĝas en nian bazon por subteno de nia atako kontraŭ novaj pozicioj. Ĉar la vojo, kondukanta al la venko, estas treege kruda".

"Barricada" restis fidela al tiu deklaro. Ĝi fariĝis organizanto kaj propagandisto de la revolucia sandinista aktivado en la hodiaŭa komplika situacio, ĉe kiu oni devas defendi la revolucion kontraŭ la fiatakoj de la nordamerika imperiismo.

Jan Kaŝpar

(El "Demokratia Ĵurnalisto",
organo de Int. Ĵurn. Organizaĵo)

Esperantigis: Alniko

---

Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! "Internacia Ĵurnalisto" estas via presorgano. Ĝi fariĝos pli riĉenhava kaj interesa, se ankaŭ vi aktive kunlaboros al ĝi per diversaj ĵurnalismaj materialoj - artikoloj, eseoj, humuraĵoj, fotoj, desegnaĵoj, bildoj, per beletraĵoj kaj poeziaĵoj - originalaj kaj tradukaj.
Ni atendas viajn kontribuaĵojn kaj anticipe dankas.

MISINTERPRETADO DE "UNESKO KURIERO"

La speciala numero de "Unesko Kuriero" pri la lingva problemo, grava periodaĵo, aperas en 27 lingvoj. Oni ne mencias la internacian lingvon Esperanto. Rilate al la solvo de la problemo oni aludas la tiel nomatajn "mondajn artefaritajn lingvojn" kiel nedezirataj n. Evidente la aŭtoro rigardas Esperanton kiel artefaritan lingvon. Sed tiu ĉi kritiko estas malĝusta. Eichholz pruvas en sia libro "Esperanto en la moderna mondo" la maltrafon de tiu opinio. Estas strange, ke li ĝuste citas la Ĝeneralan Direktoron de Unesko.

Li detale traktas la jenon: "Science nepravigebla estas la divido je "naturaj kaj artefaritaj" lingvoj, ĉar ĉiu lingvo estas ĝis certa grado spontane kreata de la homa socio, sed aliflanke - ĉiu evoluinta, literatura lingvo enhavas ankaŭ multajn elementojn de konscia kreado. Zamenhof plene utiligis la sufiĉan internacian lingvomaterialon por konstrui el ĝi lingvoprojekton. Kaj Esperanto evoluas laŭ la sama maniero, laŭ kiu evoluas ĉiu ajn literatura lingvo. Zamenhof donis nur la fundamenton de la lingvo kaj lasis ĝian pluan evoluon en la manojn de la uzantoj mem. La Akademio de Esperanto sekvas la evoluon de la lingvo kaj atentas pri la lingva unueco. Tiumaniere Esperanto transformiĝis de projekto en lingvon vivantan..."

Tiujn konstatojn akcentis ankaŭ la Ĝenerala Direktoro de Unesko kaj s-ro Ralph Harry, aŭstralia ambasadoro ce Unuiĝintaj Nacioj, dum la 62-a Universala Kongreso. Tial la artikolo en la menciita "Unesko Kuriero" estas groteskaĵo!

OSKAR STOIBERG

ĈU ĜUSTA AKUZO?

Fine de 1983 Usono anoncis, ke ĝi eksmembriĝos el Unesko je la 1-a de januaro 1985, dirante ke Unesko iĝis pli kaj pli kontraŭ-Usona.

Pro tiu minaco la tuta mondo estas embarasita, ĉar la foriro

de Usono el Unesko signifas la perdon de la kvarono de la buĝeto de Unesko.

Sed la jara buĝeta sumo de Unesko (ĉ. 187 milionoj da usonaj dolaroj en 1984) estas proksimume nur centono de la jara buĝeto de Eŭropa Komunumaro. La kontribuo de Usono estas do nur 400-ono de la EK-a buĝeto. Ĉu eventualan financan truon ne povus ŝtopi kelko da bonstataj ŝtatoj?

Usono akuzas, ke Unesko iĝas kontraŭ-Usona kaj klopodas leĝigi ŝtatan manipulon de internaciaj novaĵoj. Ĉu tiu akuzo vere ĝustas?

La akuzata "Nova monda ordo de informado kaj komunikado" de Unesko celas i.a. la liberecon de la presado, informado,de ĵurnalistoj, la liberan fluon de informado.

Se Usono estas malkontenta pri tiu nova informa politiko de Unesko, tio estas verŝajne pri parto de la "nova ordo", t.e. plurismo en informaj kanaloj, ekvilibra dissemado de informoj k.s., kiuj bremsas la monopolon de manpleno da novaĵ-agentejoj. Efektive Unesko nun subtenas novaĵ-agentejojn en la Tria Mondo.

Se Usono nomas tiun helpon "(inter)ŝtata manipulo", ankaŭ la helpoj de Unesko kontraŭ senalfabeteco, edukado k.s. estus "manipuloj". Ĉu ni ne devas nomi Uneskon ne "kontraŭ-Usona", sed "kontraŭ superrego" aŭ "kontraŭ-monopola"?

Per tiu paŝo de Usono, ni povus juĝi ankaŭ, ke Unesko iĝas tiel tutmonda, ke eĉ granda ŝtato ne povas manipuli ĝin.

(El "UN kaj Ni", n-ro 32)

## VALORA INICIATO

Unu el la plej aktivaj aŭskultantoj de la E-elsendoj de Radio Polonia, Lenart Åberg el Gotenburgo (Svedujo) iniciatis konstantan radio-rubrikon en "La Espero", en kiu rubriko li ne nur informos pri la elsendo-horoj kaj ondolongoj, sed ankaŭ donos konsilojn kiel aŭskulti pli bone, li recenzos programerojn. La iniciato de Lennart Åberg farigis la ĉeftemo de unu el la redakciaj diskutoj en Radio Polonia. Dum la diskuto

oni konstatis, ke la E-gazetoj plej ofte limiĝas al la aperigado de etaj radio-rubrikoj, en kiuj troviĝas nur ondolongoj kaj elsendohoroj, sed preskaŭ nenie aperas recenzoj.

Dum la redakcia kunsido oni multfoje substrekis, ke estus dezirinde, ke en internaciaj E-revuoj kaj en landaj revuoj pli da loko oni dediĉu al radio-aferoj. Dume Radio Polonia ĉiusemajne, eĉ kvin fojojn, rakontas dum 8-10 minutoj, kion skribas E-gazetoj kaj tiamaniere kontribuas al la diskonigo de la enhavo de ĉi tiuj gazetoj kaj iasence varbas ankaŭ estontajn abonantojn. Oni devus trovi manieron de pli proksima kunlaboro inter gazetredakcioj kaj radio-redakcioj - oni diris dum la menciita kunsido. Tre verŝajne povus evolugi tian kunlaboron kunvenoj de esperantistaj redaktoroj kadre de UK kaj aliaj E-aranĝoj.

Laŭ niaj spertoj ankaŭ la lokaj informiloj kaj gazetoj de landaj asocioj aperigas valorajn E-temajn artikolojn, kiuj ne povas atingi la internacian publikon. Oni konstatis, ke estus utile eldoni unufoje en jaro ANTOLOGION DE ARTIKOLOJ KAJ INTERVJUOJ, kiun konsistigus tekstoj de radio-elsendoj, landaj revuoj ktp. Kompreneble ni povus disponigi niajn plej interesajn E-temajn tekstojn kaj ni estas certaj, ke aliaj radiostacioj uzantaj Esperanton ankaŭ pretus fari la samon. Sed kiu povus eldoni tian "antologion"? Dum renkontiĝo kun la prezidanto de UEA en Radio Polonia ni havis la okazon prezenti ĉi tiun ideon kaj ni esperas, ke pli-malpli frue oni trovos kontentigan solvon.

RADIO POLONIA

## REKORDA NOMBRO DE RADIO-HOROJ

Evidentiĝis, ke la nombro de horoj da Esperantaj radioelsendoj pasintjare atingis novan rekordon. En 1983 dek unu stacioj en dek landoj disaŭdigis 4 220 programojn,kiuj daŭris 1 899 horojn.

Antaŭ iom pli ol dudek jaroj, la 19-an de decembro 1964, Radio Pekino elsendis sian unuan programon en Esperanto. En 1984 ĝi disaŭdigis 1 460 programojn en IL dum entute 730 horoj.

"LECIONO DE ESPERANTO"

(dokumenta filmo pri la bulgara E-movado)

Laŭ iniciato de Studio por Televidaj Filmoj "Ekran" en Sofio, filma skipo en konsisto de Olga Vâleva - scenaristo, Dimitâr Cekov - regisoro kaj Gavril Draganov - cefkameraisto, kreis 25- minutan koloran dokumentan filmon "Leciono de Esperanto". Tio estas la unua bulgara profesia filmo, kies ĉefa temo estas disvastigo de la atingaĵoj de la Internacia Lingvo en Bulgario ekde la unuaj jaroj de la jarcento ĝis hodiaŭ.

En sia krea laboro la filma skipo ricevis helpon de spertaj kaj eminentaj bulgaraj esperantistoj kiel Ĥristo Gorov, prezidanto de Bulgara Esperantista Asocio, Nikola Aleksiev, honora prezidanto de MEM, kaj Donĉo Ĥitrov, prezidanto de ILEF.

La filmo "Leciono de Esperanto" tre lerte konigas al la granda neesperantista publiko interesajn, malmulte konatajn faktojn kaj personojn el la historio de la bulgara E-movado - la unuajn pionirojn Miloslav Bogdanov, Ĥristo Popov, iliajn lernolibrojn kaj cefajn verkojn pri kaj en Esperanto. Sur la ekrano aperas kovriloj de multaj bulgaraj E-eldonaĵoj: libroj, gazetoj, vortaroj, broŝuroj. La filmo kaptas la atenton, disponigante al la spektanto riĉan informon pri la praktika kaj utila apliko de Esperanto en la ĉiutaga vivo kaj en la internaciaj rilatoj, en multaj diversspecaj naciaj kaj internaciaj E-aranĝoj k.a. estas projekciitaj sur kadroj, montrantaj lecionon de Esperanto en unu el la multnombraj kursoj. Sur la ekrano aperas multaj bulgaraj kaj fremdlandaj elstaraj esperantistoj, kiuj parolas pri Esperanto kaj pri sia propra aktivado: veterano Nikola Aleksiev, E-poeto Asen Grigorov, prof. Humphrey Tonkin, d-ro Renato Corsetti k.a. Por montri kaj pruvi la internaciecon de Esperanto la aŭtoroj filmis momentojn el la 68-a UK de Esperanto en Budapeŝto, 1982.

La eĥo de la publiko pri la elsendita filmo estas tre vigla kaj granda. Multaj laŭdaj le

teroj estas ricevitaj kaj en Bulgara Televido, kaj en la Centra Oficejo de BEA. Tio ja pruvas la grandan intereson, kiun la filmo vekis kaj kuraĝigas la filmagantojn serĉi novajn temojn pri Esperanto kaj pri la bulgara E-movado.

Al la kreantoj de la filmo "Leciono de Esperanto" - niajn korajn gratulojn kaj dankojn!

D. SIMEONOV



MOSKVO DIGNE AKCEPTOS SIAJN GASTOJN

En 1985 okazos XII Tutmonda Festivalo de la Junularo kaj Studentoj en Moskvo. Por la dua fojo (post 1957) en la historio de la festivala movado ĉi-somere la sovetia ĉefurbo akceptos gastojn. La celoj kaj taskoj de ĉi tiu forumo grandparte koincidas kun tiuj, starigitaj enkadre de la Internacia Junulara Jaro - 1985, aparte en la sfero de batalo kontraŭ la la minaco de nuklearmila milito.

Moskvo, str. Frunzenskij val 34 - jen estas la adreso de la festivalaj organizantoj. Ci tie en oketaga hotelo "JUNOSTJ"(JUNECO) estas la festivala sidejo. La Festivalon per

LIBERVOLAJ MONSUMOJ

financas gejunuloj el ĉiuj anguloj de la vasta Sovetio. Nur la pertoprenintaj ĉirkaŭ 50 milionoj da gejunuloj en libervola tutlanda labortago akiris por ĝi 40 milionojn da rubloj. La sovetia junularo sendas monon ankaŭ al internacia fondaĵo de solidareco. Per ĝi oni subvencias la fremdlandajn delegitarojn, kiuj ne havas sufiĉe da monrimedoj por veturi al Moskvo.

Estas atendataj 50 000 gastoj el 140 landoj - delegitoj, sovetiaj kaj fremdlandaj gastoj, turistoj, ĵurnalistoj. Por ilia bona loĝigo multaj moskvaj hoteloj baze renoviĝas.

En la sfero de tradukado latva firmao "VEF" produktis elek-

tronan sistemon por sinkrona interpreto samtempe en 15 lingvojn. Ĝi estos muntita en la konstruota junulara palaco kaj eble estos inter la plej grandaj surprizoj de la Festivalo.

## GAZETARA CENTRO

troviĝas proksime al Kremlo, en granda hotelo "Moskvo". En ĝi ĉiu el la du mil atendataj sovetiaj kaj fremdlandaj ĵurnalistoj havos sian propran keston, en kiu ili kelkfoje ĉiutage ricevos informilojn pri la antaŭstarantaj eventoj. La ĵurnalistoj povos ĉeesti ĉiutage kelkajn gazetarajn konferencojn. Speciala oficejo por servoj disponigos tajpilojn, biletojn por diversaj prezentaĵoj kaj veturbiletojn. Ĉiun tagon aperos festivala ĵurnalo en eldonkvanto de 50 000 ekzempleroj.

Enkadre de la Festivalo okazos ankaŭ E-aktivecoj por partoprenantoj kaj gastoj, posedantaj Esperanton. Por tio estas starigitaj kontaktoj inter TEJO kaj MFDJ (Monda Federacio de Demokrata Junularo), kiu estas organizanto de la Festivalo. Ĝis nun ekzistas utila kunlaboro inter ambaŭ organizaĵoj.

Evgeni Georgiev

# Ricevitaj esperantaĵoj

- Bukedo - poemkolekto, kompilita de Ĥr. Gorov helpe al la amatoroj de la deklamarto okaze de la 40-a datreveno de la venko super la hitlero-faŝismo. Eldonaĵo de Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio, Sofio 1985. "Bukedo" enhavas versaĵojn de elstaraj bulgaraj poetoj, tradukitajn en Esperanton. 80-paĝa.

- La evoluo de la trafiko kaj ĝia solucio - de prof. Ĥristo Marinov kaj Anna Szekely. Tiu ĉi 186-paĝa scienca verko estas eldonaĵo de fervojista kaj ekologia sekcioj de Bulg. E-Asocio, Sofio 1984.

- 80 jaroj de la naskiĝo de Trifon Ĥristovski - 12-paĝa ilustrita faldfolia broŝuro pri la granda bulgara kaj Esperanta

verkisto kaj publicisto. Eldonaĵo en bulgara lingvo de gazeto "Botevgradski plamâk" - urbo Botevgrad 1985.

- Impetaj jaroj - referaĵoj prezentitaj dum la scienc-praktika konferenco, dediĉita al la 40-a datreveno de la socialisma revolucio en Bulgario, okazinta en Velingrad, 1984. Eldonis BEA, Sofio. 132-paĝa volumo kun skizoj ankaŭ de la ĵurnalistoj N.Aleksiev, Ĥr. Gorov, Iv. Keremidĉiev k.a.

## el nia leterkesto

- Robert Castelo, Andora la Vella. - Dankon pro la salutoj.Ni kontentigos vian deziron. Librojn vi povas mendi ĉe la libroservoj de UEA, Hungara E-Asocio kaj alie. En la E-gazetaro estas anoncoj pri tio.

- Joĉjo Ĝurić, Beograd, Jugoslavio. - Membroj de TEĴA estas ne nur profesie laborantaj en amaskomunikiloj, sed ankaŭ profesie kunlaborantaj. Ili estas B-membroj de TEĴA. Vi estas jam B-membro.

- Oskar Stolberg, Leipzig, GDR. - Dankon por ĉio dirita kaj sendita. Ĉio aperos. Vi ricevos la mankantajn al vi numerojn.

- Deceuninck - Bollaert, Halle, Belgio. Viaj proponoj estas bonaj kaj ni aperigos en "Int. Ĵ-sto" sinsekve la adresojn de la TEĴA-membroj kun indikoj al kiuj amaskomunikiloj ili kunlaboras.

- Jan Lamačka, ČSSR. - Ni plenumas viajn petojn.

---

K o r e k t o: En n-ro 3/1984 de "IĴ" aperis erara informo, ke mi estas aŭtoro de la kontribuaĵo en la aŭstria jurnalo "Volksstimme" (Vieno) pri la psintjara kongreso de IFEF. Tiun kontribuaĵon mi trovis en la menciita ĵurnalo kaj surbaze de ĝi mi kompilis artikoleton pri la kongreso por slovaklingva revuo.

J. Lamačka

Red. noto: "IĴ" petas pardonon pri tiu ĉi misinformo.